# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 4/03/2012 Tridektria Eldono 2012 04/03/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligiloj" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj

Sendu 'oni diras' informon. Sekretoj apartigus nin.

## Somerlernejoj??

Mi opinias ke la Esperantistoj jam voĉdonis per la piedoj kontraŭ somerlernejoj ĉe Aŭstralio.

**Kion vi opinias?** Sendu al AE rspring@tpg.com.au



**Jonathan Cooper,** kiu jam de 30 jaroj laboras en la Artgalerio de Novsudkimrujo, prelegos en Esperanto pri "Moderna arto: kio ĝi estas kaj de kie ĝi venis?"
La prelego okazos en la Esperanto domo de Sidnejo sabaton la 26an de majo je la dua horo posttagmeze.

REKOMENDU 'AŬSTRALIAJ ESPERANTISTOJ'N AL VIAJ ESPERANTISTAJ AMIKOJ. Bonvenon Clivia Frieden je Orange NSK .x




**Esperantan promenadon je la 11-an de Marto.**
**Esperanto Domo je la 11:00 atm,** kaj poste promeni kune de Redfern al Town. Hall Do, se vi interesus, sendu al mi vian intereson! informado@esperanto.org.au

## LINGVAJ ERAROJ TROVITAJ EN AŬSTRALIAJ ESPERANTISTOJ

Bonvolu skribi kiam vi trovas lingvajn erarojn. Poste ni ĉiuj estos pli bonaj Esperantistoj

Kara Roger,
Mi komencas en la 19a eldono de AE, ĉar en tiuj fruaj eldonoj vi skribis pli multe ol en la pli malfruaj :

La retadreso estas uzata por elsendu—devus esti : elsendi. Vi tre ofte uzas la imperativon kiam vi devus uzi infinitivon. Imperativo estas la ordono, do it—faru tion.

Mi ĉiam uzas Bcc lokon por konservu—konservi

Mi enmetu en la novaĵletero—enmetas, novaĵleteron, ago en la nuntempo, novaĵletero verŝajne bezonas akuzativon, la plej simpla ekspliko: mi iras en la domo, tio signifas ke vi estas en la domo kaj iras en la ĉambro aŭ de unu ĉambro al alia. Mi iras en la domon, signifas ke vi estas ekstere kaj eniras. Do, vi enmetas ion en la novaĵleteron – aŭ mi enmetas en la novaĵletero novan rubrikon, leterojn de membroj ktp.

Nun mi enmetu interesajn leterojn mi ricevas—kiujn mi ricevis, vi ne povas enmeti ilin se vi ankoraŭ devas atendi iliajn alvenojn.

Se mi ne havas permeson enmetu… mi subskribu XXX. Devus esti : se mi ne havas permeson enmeti … mi subskribos XXX

Mi metis senpagan Freeland vortaron—Freelang.

La novaĵletero vivas nur se vi skribas, sendas – nur vivas…sendu

Nro 20: larĝe la samajn erarojn.

Rekomendatan legadon—ĉar tio estas titola linio la akuzativo ne estas uzata.

Foto trovita ene libroj de Kevin Smith. Kevin nun loĝas Maljunulejon je Manly—Foto trovita en libroj de Kevin Smith. Kevin (aŭ: Li) nun loĝas en maljunulejo ĉe Manly.

Alia konstanta eraro kiun vi faris en la unuaj AE, vi nomis la leterojn Aŭstraliaj Esperantistoj, sed malsupre kaj foje ankaŭ en la teksto vi skribis: Aŭstraliaj Esperantoj.

Se vi havas la malgrandan Edinburgh Esperanto Pocket Dictionary, ĝi estas sufiĉe bona vortaro kaj enhavas la 16 regulojn de Esperanto en la angla lingvo komencante sur paĝo Xl.

Estas necese ke vi tralegu kion vi skribis, ĉefe por kapti preserarojn. Tiuj preseraroj multe okazas sur laptops ĉar la klavoj estas tro proksimaj unu al la alia. La klavoj de desktop havas pli da spaco kaj mispreso ne tiom ofte okazas.

Saluton ankaŭ al Mei,

Volo Gueltling volo2010@live.com

## Jen interesa retejo: **NOVAĴO DE LA MONDO** http://nunonia.com/

NUNONIA



http://nunonia.com/

Noticoj Artikoloj Esperanto Sportoj Magazeno Ekonomio

Norda Koreio konsentas haltigi nuklean programon kontraŭ manĝaĵoj no

Eŭropa Unio kritikas Bjelorusion pro subpremo de opoziciantoj

Greka parlamento agnoskas pliajn ekonomiajn reformojn

Nicole Else nicole@cryogenic.net



## Jen raporto pri la lingva festivalo en Moskvo.

http://esperanto.su/eo/resumo_6alf

Amike, Nicole Nicole Else nicole@cryogenic.net

## La Universitato de Teksaso en Dalaso bonvenigos NASK 2012!

Por la dua fojo NASK (Nord-Amerika Somera Kursaro) prezentos mallongan kursaron (25 de junio ĝis 4a de julio), ĉi-foje en sunplena Dallas, Teksaso. Do, portu viajn ĉapelon, naĝkostumon, kontraŭsunan kremon, kaj eĉ vakerajn botojn! Alvenu la 25an de junio, kaj foriru la 4an de julio—jen ok plenŝtopitaj tagoj de lernado kaj amuzo.
La NASK-retejon (http://esperanto.org/nask). (‘Lernu’ informas)

## **Vortoj de “Lernu”** Plenigaĵo de paĝo

DIVIDI
Fari partojn el tuto:
1. ne disigante:
a) du partojn (se evidente, partoj ne precizigitaj):
Rivero dividas la urbon en du partojn: la malnovan kaj la novan.
b) plurajn partojn:
Francio estas dividita en departementoj.
Mi disdividis la taskojn pri tiu projekto al ĉiuj laboristoj.
La rivero dividiĝas en kelkajn brakojn.
La korporacio subdividiĝis laŭ la diversaj metioj.
2. disigante:
a) destinante al ĉiu ties havotaĵon:
Mi dividis la kukon en 6 partojn.
b) ĉiu prenante sian havotaĵon: